# La LAMPIRO

46a jaro n-ro 112 majo-aŭgusto 2005









Kialo kaj Kielo de Esperantistiĝo

paĝo.1



## ANTÔNIO FÉLIX DA SILVA

## Elektita Nova Brazila ILEI-sekciestro

**La LAMPIRO**

46a jaro n-ro 112 majo - aŭgusto 2005

Oficiala Organo de
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo,
senpaga por membroj de EASP

**Redaktoro**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 6091-6420

**Revizantoj**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**Kompostado**
Joseo tenorjo

**redaktcio:**
Rua Faustolo, 124
05041-000 - São Paulo - SP
**retpoŝto** jmcoelho@uol.com.br

brazila abontarifo por 2005: R$ 10,00
eksterlanda abontarifo por 2005: US$ 5,00
unuopa ekzemplero R$ 5,00

*La redakcio ne respondecas*
*pri la subskribitaj artikoloj*

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
fondita en 29/03/1937

**Sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Lapa
05041-000 São Paulo - SP
**Telefono-fakso** +55 (0 xx11) 3862-1183
**retadreso:** easp2004@yahoo.com.br



**Membro-kategorioj** (monate)

| | |
|---|---|
| Kat. 1 (Simpla membro) | R$ 10,00 |
| Kat. 2 (Kunlaboranta Membro) | R$ 12,00 |
| Kat. 3 (Helpanta Membro) | R$ 17,00 |
| Kat. 4 (Subtenanta Membro) | R$ 22,00 |
| Kat. 5 (Nur por ŝtatinternanoj) | R$ 5,00/3,00 |
| Kat. 6 (Aliĝinta Asocio) | R$ 20,00jare |

| | |
|---|---|
| Jara antaŭpago: | 15% rabate |
| Sesmonata antaŭpago: | 10% rabate |

**Deĵorado**: de lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 18-a horo.

# Enhavo



## Kovrilo-fotoj

1 Prezidanto de EASP, Genildo Martins Coelho, akompanas la kalkuladon de ILEI-balotiloj.

2 ILEI-anoj antaŭ la fasado de Esperanta Klubo Zamnehof, gastigejo de ILEI-balotado.

3 Nuna ILEI-sekciestro, Marcos Zlotovich, la vico-prezidanto de Esperanta Klubo Zamenhof , d-ro Osvaldo Pires de Holanda, kaj la ILEI-sekretario, Rodrigo de Méo.

4 Nova Brazila ILEI-sekciestro, p-ro Antônio Félix da Silva, el Florianópolis-SC.

# Kialo kaj Kielo de Esperantistiĝo

José Dias Pinto
jodipinto@uol.com.br

Iam, en la retlisto de Virtula Esperanto-Klubo Internacia (VEKI), iu el la listanoj invitis la kolegojn sendi mesaĝojn pri la kialo kaj kielo de sia esperantistiĝo.

Tio venigis al mi en la memoron — verdire netute sennebule — la enhavon de interesa, sprita artikolo, kiun mi legis en Portugalujo. La ĝin enhavantan revuon mi ekabonis en 1947 (kiel longe oni povas esti juna!).

La periodaĵo estis unu el tiuj, kiujn nun oni nomas "alternativaj", pro iliaj nekonvenciaj manieroj rigardi la aferojn kaj la vivon. Ĝi pledis — aŭ tion faris almenaŭ ĝiaj kunlaborantoj — por natura vivo, Esperanto kaj demokratio. Por la unua ĉiam — ĝia nomo estis ja "Natura" — por la dua dum la nelongdaŭra tolero de la Salazara registaro, por la tria nur tre diskrete, laŭcirkonstance, por supervivi la riskon tro altiri la atenton de la politika polico.

En la unua numero de "Natura" de mi ricevita estis unu el la unuaj lecionoj de baza Esperanto-kurso, kelkaj kursivigitaj esperantaj citaĵoj el leteroj de abonantoj, artikolo de Tristan Bernard kaj propagandeto pri la pormemlerna studado "Esperanto sem Mestre".

La leciono spronis mian scivolemon, la artikolo allogis min. En ĝi la franca porteatra verkisto rakontis pri sia provo realigi planon vojaĝi al Anglio kaj tie resti iom da tempo, por la rikoltado de materialo uzota en estonta verko, en kiu la angla kulturo aŭ anglaj kulturaĵoj havos rolon.

Tiucele li bezonus facilan komunikadon kun la anglaj civitanoj, sed tio apenaŭ priokupis lin, ĉar li ja bone scipovis la anglan, almenaŭ sufiĉe bone por kapti kaj registri la ĉasotajn anglajn specifaĵojn, adekvatajn al la celo de la vojaĝo.

Enkofriginte la necesaĵojn por la eninsula restado, li ekvojaĝis.

En la komenco, dum liaj komunikado-bezonoj limiĝis je la kontentigado de la ordinaraj porturismaj bezonoj, li bone elturniĝis, la afero glate funkciis, bonaŭgure al la farota laboro.

Kiam li komencis provi iom pli profundigi sian komunikadon, serĉe al iom pli ol supraĵaj konoj pri moroj, tradicioj kaj idiosinkrazioj li komencis senti la vojon iom pli ŝtonoza, kaj la rebusojn pli kaj pli malfacile deĉifreblaj.

Ne tre longe poste li konstatis, ke li tro alte taksis sian scion pri la angla. Kaj li komencis pensi ankaŭ, ke ne nur al sia nesufiĉa kono pri la angla li devas atribui siajn malfacilaĵojn. Al li komencis ŝajni, ke pravas liaj samlandanoj, plejofte suspektemaj koncerne la sintenojn de la transmanĉaj insulanoj koncerne al la francoj. Tamen li persistis serĉi la solidarecon de la britoj kaj klopodis komprenigi sin kaj kompreni ilin por la sukcesigo de la plano je kiu li devontigis sin. Kelkfoje, manke de la ĝusta vorto en la angla, li enmetis francan esprimon, en la espero trovi ĉe la aliaj onon de la peno por interkompreno, kiun li sola ĝis tiam devis fari. La angloj ignoradis liajn francaĵojn, kaj li komencis konsideri la depriman hipotezon rezigni pri sia projekto. Tio doloris lin.

Sola, en la hotelo, li reekzamenis la cirkonstancojn kaj pristudis eliran solvon. Fine li venis al la konkludo ke, se la angloj

alparolas lin ekskluzive en la angla kaj superece ignoras liajn lambastonajn francaĵojn, li povas reciproki per la ekskluziva uzado de la franca. Tiu estos lia lasta provo realigi sian laboron en Britujo.

Li agis kongrue kun la saĝa decido. Kompreneble tio ne solvis lian problemon pri komunikado sed, kiel li mem diris, savis lian memamon. Kaj li finis sian artikolon per la aserto, ke tiu vojaĝo kaj ties cirkonstancoj varbis lin al Esperanto.

Kiel mi diris en mia mesaĝo al la vekianoj, tiu artikolo ekfaris el mi esperantiston. Mi tuj mendis la propagandatan "Esperanto sem Mestre" kaj sinsekve plurajn aliajn klasikajn librojn — perletere konsilate de la tiama portugala UEA-ĉefdelegito kaj akademiano Saldanha Carreira, kiun mi vizitis tri monatojn poste. Tiam, surprize por mi mem, por li kaj aliaj ĉeestaj esperantistoj, mi konstatis, ke mi kapablas paroli ĝuste kaj fluete pri nekompleksaj aferoj, malgrau tio, ke mia sola ĝistiama kunparolanto estis spegulo, se ne konsideri la amikojn, al kiuj mi komencis instrui la lingvon kiam mi estis ankoraŭ ĉe la oka leciono de la libro.

Mi relative lerte ĵonglis per la radikoj por kunmeti vortojn ĝeneralsence esprimantajn specifajn nociojn, kies precizaj terminoj mi ne konis.

Invitite de unu el la ĉeestantoj — vegetarano kaj naturisto — al tagmanĝo ĉe li, mi ne same bone elturniĝis kaj devis ofte perkrokodili la nomojn de legomoj kaj fruktoj, spicoj kaj spicaĵoj, hejmaj iloj kaj aĵoj. Tiaj nomoj ja apenaŭ aperis en la klasikaĵoj de mi ĝis tiam legitaj. Kaj nur akcesore, periferie. Malgraŭ tio, fine de la tago mi estis pli entuziasma esperantisto ol mi estis en ties komenco. Vegetarano mi devis ĉesi esti pro la baldaŭ posta soldatservado, sed intertempe mi iom lernis pri vegetaĵoj, fruktoj kaj manĝaĵoj, minprepare por eventuala estonta invito de vegetarano.

---

# Konkurso

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo starigas konkurson por kreo de sia emblemo.

Artistoj kaj desegnistoj el la tuta mondo estas invitataj partopreni en la konkurso. Kiel premion, la plej bona propono rajtigos al la aŭtoro kolekton de la verkoj de Gilberto René Ledon.

La Asocio fondiĝis en urbo San-Paŭlo la 29an de marto 1937, unue kiel San-Paŭlo Esperanta Klubo, ĝis februaro 1963.

EASP multe agadas por la disvastigo de la Internacia lingvo Esperanto. Inter ĝiaj agadoj indas memorigi la enklasajn kaj perkorespondajn kursojn, la libro-servon kaj bibliotekon, la eldonadon de ĝia kvarmonata revuo La Lampiro kaj la okazigon de diversaj esperantaj eventoj.

Regularo:

1. Grando de la verko: 21x30cm (folio A-4)
2. Limdato por sendo de la konkursaĵo: 31/03/2006
3. Livero de la premio: okaze de la 41a Brazila Kongreso de Esperanto, en Campinas/SP.

**Pliaj informoj: (11) 3862-1183**

# Ĉu vi palindromas?

*Paulo Segio Viana*
*Lorena- SP*

Ne, kara leganto, ne temas pri nova lingvo aŭ malsano, aŭ nova speco de gimnastiko. Palindromo estas kurioza, antikva, defia vortaŭ frazludo. “Pali” signifas en la greka lingvo “ripete”, aŭ “laŭ inversa ordo”. Palindromo estas do vorto aŭ frazo legebla laŭ inversa direkto. Kompreneble, oni povas utiligi samon por ciferoj, edzemple 1991, sed en matematiko la afero aspektas iom banala. Ne tiel, kiam temas pri vortoj aŭ frazoj.

Oni bone distingu palindromon disde “anagramo”. En ĉi tiu lasta, oni simple rearanĝas la literojn en alia ordo, por formi novan vorton aŭ frazon. Ekzemple: Belisa/Isabel; Soares Guiamor/Guimarães Rosa; Iracema/America.

Ĉe palindromoj la afero estas pli malfacila, tiel ke la defio allogis homojn de antikva tempo. Ju pli longa la frazo, des pli valora. Fama palindromo, ŝajne devenanta de antikva Romo estas ĉi tiu ĉarma latina frazo:

“SATOR AREPO TENET OPERA ROTAS.” (=”Semisto Arepo tenas radojn en laboro.”)Kurioze, oni aranĝis ĝin en perfekte simetria kvadrato, legebla ĉiudirekte:

R O T A S
O P E R A
T E N E T
A R E P O
S A T O R

En ĉiu lingvo oni trovas palindromojn:

En la portugala:

“AMENO FONEMA”

“SOCORRAM-ME, SUBI NO ÔNIBUS EM MARROCOS.”

En la hispana:

“ADÁN NO CALLA CON NADA.”

“ADÁN NO CEDE CON EVA Y YAVÉ NO CEDE CON NADA.”

“A MAMÁ ROMA LE AVIVA EL AMOR A PAPÁ Y A PAPÁ ROMA LE AVIVA EL AMOR A MAMÁ”.

En la angla:

“A MAN, A PLAN, A CANAL, PANAMA.”

“MADAM I’AM ADAM.”

En la itala:

“ARES, È SERA!”

“ACAVALLA DENARI, TIRANE DALLA VACCA.”

En Esperanto:

“NE MATENO, BONE TAMEN.”

“LA VEDO CELAS: NE MALSATAS LAM’ EN SALECO DE VAL’.”

Fine, jen eta kontribuo fare de la kompilinto mem:

“ONI VOLAS: OVO, SALO, VINO.”

Jen la defio, leganto. Palindromu mem, kaj sendu vian kontribuaĵon al la Redakcio.”

---

## Pola Pikmokaĵo

— Akuzito, kial vi trompis bonajn, honestajn homojn?
— Ĉar mi malsukcesis trompi aliajn.

# Bonuloj kaj Sentaŭguloj

Aŭtoro: Paulo Mendes Campos

*Elportugaligis:*
*Fernando J. G. Marinho*

Mi konis knabon, kiu antaŭ ĉirkaŭ dudek jaroj gajnis stipendion por studi patogenezan anatomion en Usono, kaj neniam plu revenis. Ĉu li amerikaniĝis? Ĉu li fariĝis ensorĉita? Ĉu li riĉiĝis? Ne, tute ne, li loĝas en malvarmega urbeto, preskaŭ ĉe la limo de Kanado; li havas salajron, kiu sufiĉas nur por nepraj elspezoj; li ne amuziĝas, pasigas la tagojn kaj multajn horojn de la nokto ene de eksperimentejo. Li alkolektiĝis al la esploristoj pri kancero. Oni rimarkis lian talenton kaj petis lin, ke li restu. Do, li restis. Elstara inter la plej elstaraj studentoj lernfrekventantaj la Fakultaton pri Medicino de Belo Horizonte, li rezignis pri la estonto, forlasis ĉion, fariĝis anonima kaj malriĉa, eniris en laikan klostron, forlasante sian laboron nur por iomete ĝemi pro malvarmo kaj sopiri pri Brazilo, antaŭ ol enlitiĝi.

Homoj tiaj, kiaj D-ro Albert Schweitzer, kapablaj ŝanĝi artan aŭ beletran destinon por filantropa sindediĉo, fariĝas la nuntempaj sanktuloj. La malvarmeco de eksperimentejo, tamen, ankoraŭ ŝajnas al mi pli stranga kaj arida mondo ol Franca Ekvatora Afriko. Ami la homojn de malantaŭ mikroskopo, sen iam ajn senti la reciprokecon de la grandanima ago, mirigas kaj hontigas min, senpasian egoiston.

La faktoj estas afliktigaj. Oni plifortigas la sieĝon kontraŭ kancero en Usono kaj en aliaj landoj. La konkero de la interplanetara spaco ne kaŭzas tiom da emocio, kiel tiu batalo kontraŭ la morto. Antaŭlonge, la epidemioj alvenadis neatendite kaj pereigis tutajn popolojn. La modernaj epidemioj sin prezentas laŭ modernaj aspektoj. La statistikoj diskonigas, ke 450 mil usonanoj fariĝos viktimoj de kancero en ĉi tiu jaro; el tiuj, 260 mil estas kondamnitaj al morto. Krome, oni scias, ekzemple, ke en la nordo de Usono malgrandiĝas la mortokvanto pro leŭkemio, tamen, en la sudo ĝi kreskadas. La malsano aspektas mistera kaj terura. Ĝi ne teruras nur la scienciston kaŝitan inter asepsaj muroj, izolanta virusojn, aranĝanta taktikajn skemojn, antaŭvidanta esperojn, ŝokita antaŭ elreviĝoj, ripetanta kiel la poeto, ke "ĉiu nova provo fariĝas aparta fiasko". Nepras uzi en ĉi tiu milito – nun parolas fama sciencisto – ĉiujn rimedojn, kiuj konkeris mondojn.

Mi admiras tiajn homojn, kun la plej pura kaj natura simpatio el mia animo.

Antaŭ kelkaj jaroj mi vizitis Instituton Pavlov, proksime de Leningrado. Tie, en modesta kaj ankaŭ malvarma ĉambro, oni prezentis al mi maldikegan viron, neglekteme vestitan, kun malkombitaj haroj, kaj kun timemo karakteriza de homoj ne havantaj la kutimon multe paroladi.Li estis fama sciencisto, nomata Victor Fiodorov. Kun pacienco, li klarigis al mi la naturon de la eksperimentoj de longe efektivigitaj de li, celante la akiron de pli pecizaj informoj pri la kancero kaj pri la transigado de la akiritaj karakteroj. Li rakontis al mi, kun iom da tenero, pri la vivo de la teruritaj musoj, tiam rigardataj tra aparato plenaj de labirintoj. Li detale parolis pri siaj iroj kaj revenoj, induktaj kaj deduktaj, falsaj spuroj, eraroj, neatenditaj okazaĵoj, novaj rimarkoj por la Scienco. Do, li resume prezentis al mi plenan raporton pri tio, kio estas lia propra ekzistado. Poste, li mutiĝis. En tiu momento, kompreneble, venis

al mi la ideo demandi lin, al kiu konkludo li alvenis. La maldika viro prezentis amaran rideton, kvazaŭ li estus infano ne ricevinta donacon, kaj respondis: "Mi ankoraŭ ne venis al iu ajn konkludo; nenio evidentigas, ke mi ion kontribuis por la venko super kancero".

Kiam mi alvenis eksteren, ĉe silento profundigita de la neĝo kaj de la akrega kriado de la kornikoj el la supro de la abioj, mi komprenis, ke ne eblus forgesi, iam ajn, tiun rideton. Mi faras nenion por la bono de iu ajn kaj tute certe mi faras malbonon al kelkaj personoj. Tamen, la rideto de la sciencisto Fiodorov elmontranta lian daŭran disreviĝon dum tiom da laborjaroj, almenaŭ akuzas min kaj ne permesas forgesi, ke mi venis al ĉi tiu mondo, kaŭzanta dolorojn kaj ne zorganta pri la malgrandigo de la doloro de iu ajn. Sentaŭgulo. Postrestas al mi la vulgara vanteco scii, ke mi utilas al nenio, ĉar por la nuntempaj intelektuloj estas mirinda afero, ne senti kompaton al la homaro. Ve al mi, kiu sentas tion, kaj faras nenion!

*(*) El "Homenzinho na Ventania" – eldonaĵo de la aŭtoro, 1962, represita en Kronikoj – eldonejo Ática,1987. "Fonto", n-ro 141, Septembro 1992.*

---

**Manoel Borges dos Santos** (Dokito)
Muritiba - Bahia

# La Ŝanco Perdita

Mi volus en la brakoj premi ŝin,
Ĝis sentos mi batadon de la koro
Mi volus tuj percepti ke langvoro
Ekregas ŝian bruston de virin'...

Ni solaj — mi kaj ŝi — en la kontoro,
Kunigis nin, tiutage, la Destin´
Sed okazis nenio ...nur pro tim',
Perdiĝis nia ŝanc', je tiu horo...

Momento pli favora ne plu venis,
Deziron — la plej fortan — mi retenis,
Kaj koroj konsumiĝis en la flamo...

Pro timo de morala kompromiso,
Perdita estis ŝanco por la kiso
Perdita estis ŝanco por la amo!...

# *A Chance Perdida*

Dokito (do Livro – Vibrações Plurais)*

*Quisera, nos meus braços, apertá-la,*
*Até sentir o palpitar do seio...*
*Quisera prelibar o doce enleio,*
*Que dela se apodera , quando fala...*

*Sentados, eu e ela, numa sala,*
*Quisera não sentir tanto receio;*
*Pensei que alguém viria, mas não veio,*
*E lá se foi a chance de abraçá-la.*

*Passado aquele instante precioso,*
*Do qual a indecisão roubou-me o gozo,*
*Deixando-me vencer pelo temor...*

*Eu tive que reter o meu desejo,*
*E lá se foi a chance para o beijo,*
*E lá se foi a chance para o amor!..*

** Verko de la aŭtoro*

# Raporto pri Elekta Kunsido de ILEI-BR

*Informis: Marcos Zlóv*

## ANTÔNIO FÉLIX DA SILVA ELEKTITA NOVA SEKCIESTRO DE ILEI-BR




Bonvenon, Profesoro Antonio Felix da Silva, nova direktoro de Brazila Sekcio de ILEI!

La balotokontrolado de la elekto de nova "sekciestro" de la Brazila Sekcio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI-BR) estis realigata, laŭ anoncite, dum la posttagmezo de la 17-a de Julio, 2005, pere de sesio malferma al ĉiuj membroj de la Sekcio en la memposeda sidejo de EKZ (Esperanta Klubo Zamenhof), tradicia esperantista institucio de San Paŭlo. La sesio estis prezidata de D-ro Oswaldo Pires de Holanda, advokato kaj eksprezidanto de BEL (Brazila Esperanto-Ligo) kaj ties historiisto (jen li nuntempe estas pretiganta pli-ol-kvincentpaĝan verkon lanĉotan je la Brazila Kongreso de Esperanto de 2007, kiam BEL festos sian centjariĝon), kun la partopreno de la direktoro de la Sekcio, Marcos Zlóv Zlotovich, de la prezidanto de Esperanto-Asocio de San Paŭlo, Prof-ro Genildo Martins Coelho, inter aliaj sekciaj membroj, kiuj apogis kaj donis prestiĝon al tiu grava momento de ILEI em Brazilo.

ILEI estas nuntempe, post UEA mem, la plej granda internacia esperantista institucio neŭtrala en la mondo. Nia Internacia Ligo estas ankaŭ la esperantista institucio mondskale respondeca pri la taskoj de UEA, ekde 1986, koncerne al la fundamentaj kampoj de Edukado kaj Instruado kaj havas ĝi mem, oficialajn kaj operaciajn rilatojn kun UNESKO. Kiel klarigas la retpaĝo de ILEI, nia Ligo ne estas nur por instruistoj pri Esperanto, sed por ĉiuj edukistoj kaj instruistoj kaj por ĉiuj aliaj, kiuj pripensas la instruadon de la Internacia Lingvo. Ankaŭ ILEI disvolvas diversajn projektojn mondskale (kiel Interkulturo 2, Flugiloj de Malfacilaj Ventoj, inter aliaj iniciatoj) kaj nuntempe realigas, ĉiujare, sian propran internacian eventon, la ILEI-Konferenco, eldonas librojn kaj revuojn rekonatajn en la tuta esperanta mondo, organizas ekzamensesiojn, kiuj liveras diplomojn, kiuj atestas pri la konoj de Esperanto kaj multe pli...

La procezo por la elekto de la nova sekciestro de ILEI-BR estis ekfarata delonge antaŭ la festodato de la lasta dimanĉo, ekde la momento kiam la sekciestro anticipe deklaris al la monda estraro de ILEI kaj al la nacia sekretariejo de la Sekcio sian neeblecon kandidaktiĝi al la reelektado pro sanproblemoj kaj personaj kialoj. Ni do ekigis la procezon pri elekto de la nova sekciestro, ekde la komenco kaj ĉe ĉiuj aliaj koncernaj paŝoj, helpataj de prezidanto de la Ligo, Prof-ro D-ro Radojica Petrovic', kiu montris al ni la plenumendajn vojojn.

Klarigis al ni la klera esperantisto, ke la membroj de la Sekcio devas, unuavice, ricevi konsultojn koncerne al la intereso kandidatiĝi kaj, poste, celante elekti tiun, kiu el la volontecaj kandidatoj estos la prirespondeculo pri gvidado, ekde la 05-a de la venonta Aŭgusto kaj por la venontaj tri jaroj, nian Brazilan Sekcion, kiu estas unu el la plej grandaj ILEI-sekcioj en la tuta mondo. Kunlaboris kun ni dum tiu procezo ankaŭ Profesoro Atilio Orellana Rojas, sekretario de ILEI.

Ĉiuj membroj de nia Sekcio, laŭ skribite en la statutoj, estis konsultataj kaj spontanee sin prezentis –kaj kun grandega entuziasmo– Profesoro Antônio Félix da Silva, el Florianópolis (ŝtato Santa Catarina).Kiel kutime ĉe diversaj anstataŭigoj en la E-movado, ni havis, ĉikaze, nur unu kandidaton.

Antônio Félix da Silva, 60-jara, aktiva esperantisto ekde la sepdeka jardeko, enloĝanto de Santa Catarina, nuntempe instruas Esperanton en Federacia Universitato de tiu ŝato (UFSC). Li estas fondinto de Esperanta Klubo de Montes Claros (urbo de la ŝtato Minas Gerais), skribinte la historion de la movado en tiu urbo; li estas rajtigita de IEI (Internacia Esperanto-Instituto) por uzi "Cseh-Metodon" por instruado de la lingvo kaj li kunlaboras en la movado kiel tradukisto, verkisto kaj disvastiganto. Koncerne al ILEI, li jam tradukis artikolojn de Internacia Pedagogia Revuo (IPR), ties oficiala organo. Li estas aŭtoro de la poezilibro Empatia (1994), antaŭe skribinte aliajn, kune kun aliaj aŭtoroj, 23 librojn enhavantajn rakontaĵojn kaj poeziaĵojn. Li estas membro de Beletra Akademio de Montes Claros (MG) (ekde 1994) kaj de Filozofia Akademio de Santa Catarina (ekde 2003). Li estis delegito de UEA en Montes Claros (de 1996 ĝis 2001), estante nuntempe Vic-Delegito de tiu asocio en Florianópolis. Liaj preferataj hobioj estas verki, pentri, muziko (gitaro) kaj filatelio (poŝtmarkoj).

Partoprenis balotante perpoŝte pli ol 90% de la membraro de ILEI-BR, per balotiloj rekte senditaj al la kontrolloko, sen ke la Sekcio ilin povus ekhavi antaŭ la solena momento de la balotokontrolo. La korespondaĵoj estis malfermataj nur dum la ĝusta kontrola horo kaj la balotiloj elprenitaj el la kovertoj senkone pri ties aŭtoro, malgraŭ tio, ke, laŭstatute, la voĉdonoj ne estas nepre sekretaj.

Kunlaborante por la efektivigo de la demokratieca kaj laŭleĝa trajtaro de la balotoprocezo, sub viva atento de la atestantoj cititaj en la protokoloj de la evento, la prezidanto de la sesio kontrolis ĉu la nombro da senditaj kovertoj – sen identigi ties sendintojn, celante garantii la sekreton pri la balotiloj tie enhavitaj– kompare al la nombro da balotiloj enmetitaj en la balotujon (samzorgeme antaŭkontrolita) antaŭ ilia kalkulado.

Pro 41 voĉdonoj favore al la kandidato, unu blanka voĉdono kaj neniu nuligita voĉdono, la prezidanto de la sesio proklamis la elekton de la kandidato, kiu, ekde tiu momento, estas la elektita sekciestro de Brazila Sekcio de ILEI, ĝin gvidonte ekde la noktomezo de la dato supremenciita –tiam estante subkomprenata lia enposteniĝo ekde tiu momento.

Post la venkokonfirmo de la nova sekciestro okaze de la balotado, lia foto estis surmurigita kaj ni kunvenis ĉirkaŭ telefonaparato por komplimenti lin pri tiu venko, gratulante lin.

La unua persono, kiu parolis, estis la nuna direktoro de Brazila Sekcio de ILEI, kiu konfirmis al la kolego la sukceson ekhavitan ĉe la esperantista balotujo. Profesoro Antonio Felix elmontris grandan feliĉon kaj eĉ emociiĝis pro tiu informo. Post la sekciestro, ĉe la gratulvico,

D-ro Oswaldo Pires de Holanda, salutante samĝentilece la samideanon kaj asertante, ke "ĉiuj ni pretas kunlabori kun li". Profesoro Antonio Felix jam estas kunlaborinta kun li okaze de sendo de raporto koncerne al Esperanta Klubo de Montes Claros – kiun li fondis – por la inkluzivigo en la lanĉotan libron de la eminenta advokato.

Prof-ro Genildo Martins Coelho, prezidanto de Esperanto-Asocio de San Paŭlo, deziris grandan sukceson al la profesoro kaj paroligis la sekretarion de ILEI-BR, kiu ankaŭ sekretariis la sesion, Rodrigo de Méo, kiu anoncis al la elektita sekciestro la nombron da balotoj ekhavitaj.

La mondprezidanto de nia Ligo, Profesoro D-ro Radojica Petrovic', omaĝe al la elektita

*Daŭrigota sur paĝo 20.*

# Parolado de Rui Barbosa

En 1903, la mondkonata brazila verkisto, oratoro, ĵurnalisto kaj politikisto Rui Barbosa faris salutparoladon al junuloj kursfinintoj de la Kolegio Anchieta, en Nova Friburgo.La fina parto de tiu fama oratoraĵo estas prave rigardata kiel unu el la plej belaj paĝoj en la portugala lingvo.

Okaze de ĝia centjara datreveno, en 2003, mi esperantigis tiun paĝon, kaj nun prezentas ambaŭ tekstojn, kiel ekzercon de tradukado por progresintoj.

*Floriano Pessoa*
*Rio de Janeiro-RJ*

## Fina Alvoko

Dio, kiu faris ĉi tiujn montojn, la globon kiu ilin subtenas, la spacon nin ĉirkaŭantan, la ĉielon kiu nin envolvas, vi, kiu disŝutas la stelojn de la firmamento kaj la florojn de la tero; kiu helege brilas en la sankteco de la justaj, kaj fulme tondras en la konscienco de la malbonaj; vi, semanta per la senkulpeco de infanoj, kaj rikoltanta per la sperto de maljunuloj, disverŝu vian favorkorecon sur tiun ĉi domon, sur ĝian laborantan loĝantaron, sur tiun ĉi svarmon el esperoj tie daŭre renoviĝantaj, sur tiun ĉi etan burĝonon miaaniman, kiun mi ĉi tie lasas sub zorgado de viaj apostoloj, sed ankoraŭ pli sur tiujn hodiaŭ adiaŭantajn la domon, ricevinte ateston pri la plenumo de la unuaj ŝtupoj de lernado, por fronti aliajn defiojn.

Vi, kiu enmane havas forton, vivon kaj bonecon, disvolvu ilin en boneco kaj vivo kaj forto.

En iliajn korojn plantu la virtojn formantajn la homon kaj tiujn kreantajn la popolojn.

Ĉe ili retenu fidelecon al la kredo al vi kaj al viaj leĝoj, same kiel al la inspirita parolo de iliaj instruistoj, kaj al la bonaj ekzemploj de la gepatroj.

Plenigu iliajn animojn, tiel per amo al justeco kaj libereco, kiel ankaŭ per la sento de tradicio kaj respekto, kaj ia instinkta ŝato de disciplino kaj ordo.

Faru, ke ĉe ili kunmiksiĝu la karesa amo al la gefiloj kaj la kulto al la memoro de la prapatroj — tiu signo de dankemo neniam estingiĝonta ĉe vere fortaj popoloj.

Kiam ilin sieĝos danĝero kaj luktoj, kaj amareco pro suferado, konsentu al ili la heroecon de kuraĝo, heroecon de rezignacio, heroecon de humilo, heroecon por agnoski vian favoron, meze de la malfeliĉ oj vualantaj tiun bonfaradon por la miopa malforta homo.

Konsekru ilin per la spirito de vero, ke ili amu la studadon, per la spirito de rebonigo, ke ili malamu perforton, per la spirito de obeemo, por agi laŭ la leĝo, per la spirito de solidareco, ke ili unuiĝu por fari bonon, per la spirito de rezisto, por kontraŭstari premadon.

Aŭskultu, nin, Sinjoro, laŭ via senfina grandanimeco, kies trezoroj ne malgrandiĝas, kiel ajn abunde ili estas disdonataj tra la mirindaĵoj de kreado kaj favorado al la kreitoj.

Por ke tiuj multobliĝe nasku idojn, plue irontajn laŭ tiu via sama vojo, kaj unu plia generacio kaj aliaj, kaj ankoraŭ aliaj pasu, rigardante, benante kaj servante al la bonfara kreinto de la Universo.

---

*61-a Esperanto-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo*

**Lorena-SP 11/09/2005**

# Discurso de Rui Barbosa

PERORAÇÃO

Deus, que fizestes estas montanhas, o globo que as agüenta, esses mundos que nos cercam, esses céus que nos envolvem; que esparzis as estrelas do firmamento e as flores da terra; que resplandeceis na santidade dos justos, e trovejais na consciência dos maus; que semeais na inocência das crianças, e colheis na experiência dos velhos, derramai a vossa misericórdia sobre esta casa, sobre aqueles que a povoam no trabalho, sobre este enxame de esperanças, que aqui continuamente se renovam, sobre esta vergôntea pequenina de minha alma, que aqui fica entregue aos vossos apóstolos, mas ainda mais sobre os que hoje os deixam, galardoados com os primeiros graus do saber, para se afrontar com outras lidas.

Vós, que tendes nas mãos a força, a vida e a bondade, medrai-os na bondade, na vida e na força.

Incuti-lhes nos corações as virtudes que fomam o homem e as virtudes que criam os povos.

Retende-os na fidelidade à vossa crença e aos vossos mandamentos, à inspirada palavra de seus mestres e aos bons exemplos de seus pais.

Ponde-lhes n'alma, com o amor da justiça e da liberdade, o sentimento da tradição e do respeito,o instinto da disciplina e da ordem.

Misturai-lhes com a ternura pelos filhos a memória dos antepassados, esse gênero de gratidão, imarcescível no seio das nações robustas.

Dai-lhes, no perigo das lutas e na amargura dos sofrimentos, o heroísmo da coragem, o heroísmo da resignação, o heroísmo da humildade, o heroísmo do reconhecimento aos vossos benefícios entre as calamidades que os escurecem aos olhos da fraqueza humana.

Ungi-os no espírito de verdade, para amarem o estudo, no espírito de regeneração, para detestarem o abuso, no espírito de obediência, para guardarem a lei, no espírito de solidariedade, para se associarem pelo bem, no espírito de resistência, para contrastarem a opressão.

Ouvi-nos, Senhor, na vossa infinita generosidade, cujos tesoiros não diminuem, por mais que se despendam em maravilhas com a criação, em liberalidades com as criaturas.

Para que estas se venham a multiplicar em descendentes, que os sigam no vosso caminho, e mais uma geração e outras e outras passem, contemplando, abençoando e servindo o Criador benfazejo de todas as coisas.

## Bulgara pikmokaĵo

*Problemo*

— Morgaŭ estos bankedo kaj mi ne scias , ĉu mi partoprenos aŭ ne – diris gabrovano.
— Kiu donos la bankedon?
— Mi.

# El la Esperanta Literaturo



HILDA DRESEN

DRESEN, Hilda. 1896-1981. Estonino; radiotelegrafistino. Naskiĝis en Kolga, Harjumaa. Lernis Esperanton en 1913. Kunlaboranto de "Literatura Mondo", "La Nica Literatura Revuo", "Norda prismo" k.a. Ekde 1922 multe tradukis poezion el la estona, rusa kaj germana lingvoj. Poemoj en "Dekdu poetoj" (1934).

"Ŝiajn verstradukojn karakterizas instinkte radika ritma sento, riĉa rimtrova preteco, vivanteco de la lingvo, kaj ia individueca ĉarmo de l' esprimmaniero. Tamen kelkfoje sentiĝas ia stila rigideco, ia lingva malfleksеblo en ŝiaj tradukoj. Ĉi tiu manko ne ĝenas en ŝiaj originalaj poemoj, kiuj plejparte aperis en Literatura Mondo. En ili ekparolas la melankolio de l' malgajaj nordaj pejzaĝoj, melankolio, kies sincerecon kaj sanecon pruvas ĝuste la maloftaj, sed impetaj ek-ekjubiloj de l' vivĝojo kaj vivovolo." Totsche, Enciklopedio de Esperanto, 1934, p. 112. Verkoj:

Marie Under: Elektitaj versaĵoj (tradukita poezio, 1929); Horizontoj (tradukita poezio, 1931); Estonaj kantoj (kunlaboranto, 1931); Estona antologio (kunlaboranto, 1932); Norda naturo (originala poemaro, 1967); Ŝippereo (kuntradukinto, 1968); Kalevipoeg (traduko, 1975); Estona soveta poezio (traduko, 1977); Lumo de orienta Eŭropo (kuntradukinto, 1978); Al abelujo ĝi flugas (traduko, 1980)

-William Auld en Esperanta Antologio, 1984- p.434. /Enciklopedio de Esperanto, 1934, p. 112

**PADUSO**
de Hilda DRESEN
en Dekdu poetoj, p. 31

Paduso, reĝino de l' nordo
Kun blanka floraro,
Unua printempa heroldo,
Ornam' de l' kamparo.

En ĉiu ĝardeno vi floras,
Ĉe ĉiu dometo,
Agrable kaj dolĉe odoras
En nokta kvieto.

Kaj kvazaŭ neĝeroj, hezite,
Petal' post petalo,



Ŝutiĝas florar' via glite
Dum sia disfalo.

## VERDAJ PLENDOJ

de  Hilda DRESEN
en Nova  Esperanta Krestomatio p. 434

La esperanta instruisto konstatas,
ke malbone la afero statas,
ke la diligento
forflugas kiel facila vento,
ke la dek ses reguloj
senlerne kuŝas en anguloj,
ke la scio de la kompanio
estas neta nenio
ĉe la fino de la kurso...
Kaj li murmuras kiel urso.

La esperanta propagandisto konstatas,
ke liajn prezentadojn oni ne ŝatas,
vanas la paroloj anemiaj,
freŝaj faktoj antaŭdiluviaj
kaj multvorta nenidira stilo...
Do li ploras kiel krokodilo.

La esperanta eldonisto konstatas,
ke lia monujo terure platas,
ke librojn li ne vendas,
ĉar la vera esperantisto,
kun admirinda persisto
neniam ion aĉetas aŭ mendas,
nek amdelirojn de poetoj,
nek revuon aŭ gazetojn,
malgraŭ ties malavaraj aroj
da preseraroj.
Do admonojn pri libromendo, abonpago
Li ripetas kiel papago.

La esperanta grupkasisto konstatas,
ke la grupa kaso fastadas,
ĉar la membroj observas la devizon
esperantistan,
ĉiorezistan:
Neniam pagi kotizon!
Tial do li, preskaŭ sen okupo,
Hurlas kiel malsata Lupo.

Sed ili plendu kaj plendu,
nin, "kavaliroj de alta ideo",
ilia plendo kaj veo
neniel por tiu tentu,
ke ni per lingvolerno nin turmentu,
novajn propagandmetodojn  inventu,
gazetojn — eĉ propralandan — mendu,
kotizon al la kasisto sendu,
sed admonojn ni malatentu,
nur krokodilu aŭ silentu,
indiferentu,
maldiligentu
kaj restu bonaj esperantistaj tipoj:
nin zorge gardu de labortroo,
en la esperantista zoo
ni estu la bradipoj.

# Graveco de SanRio por la Brazila Esperanto-movado

*Sylla Chaves*
*Rio de Janeiro, RJ*

**Parto 2**

NOVAJ ĈEFURBOJ DE GIGANTAJ LANDOJ

Kiel mi antaŭe diris, kvar el la sep nuntempaj gigantaj landoj konstruis novajn, planitajn ĉefurbojn. Tri el ili (Usono, Aŭstralio kaj Kanado) elektis lokojn malmulte loĝatajn en la proksimeco de urbegoj. Tiel la novaj ĉefurboj havus samtempe trankvilon kaj facilajn kontaktojn kulturajn, ekonomiajn kaj politikajn. Braziljo estas escepto al tiu regulo.

Konsiderante la ekziston de TRI BRAZILOJ, Braziljo situas en la unua (norda kaj centrokcidenta), okupanta du trionojn de la lando kaj enhavanta nur 15% de ĝia loĝantaro. Kaj la "supermegalopolo" SANRIO troviĝas en la tria (suda kaj sudorienta) okupanta sesonon de la lando kaj enhavanta pli ol duono de ĝia loĝantaro. Mi jam klarigis la kialojn de tiu ŝajne stranga decido.

PLIAJ STATISTIKOJ PRI BRAZILO KAJ ĜIA ESPERANTISTARO

Proksimumaj ciferoj sufiĉas por montri la demografian gravecon de SANRIO.

Prenante la oficialajn rezultojn de la lasta popolnombrado de IBGE, ni konsideru la kvar ŝtatojn, kie Sanrio troviĝas (San-Paŭlo, Rio, Minas kaj Paraná) kaj komparu ilin kun la tuta Brazilo. Tiuj kvar ŝtatoj okupas proksimume okonon de la brazila teritorio, sed enhavas preskaŭ duonon de la brazila loĝantaro. Pro iliaj specialaj karakterizoj (indikataj en la sama jarlibro de IBGE), eblas aserti, ke tie loĝas multe pli ol duono de la brazilaj alfabetumitoj, de la brazilaj universitatanoj kaj de la brazilaj gravuloj. Konsekvence, ankaŭ de la brazilaj esperantistoj kaj de la brazilaj plej urĝe esperantigindaj homoj. Braziljo estas la centro de Brazilo nur en la mapo. La demografia centro de Brazilo estas ie en tiu 4-ŝtata regiono. Kaj, se oni devas esperantigi homojn, kaj ne arbojn, tie estus la plej racia loko por havi la ĉefsidejon de la brazila Esperanto-movado.

Preskaŭ duono de la loĝantaro de tiuj kvar ŝtatoj troviĝas en la metropolaj regionoj de iliaj ĉefurboj aŭ de tre proksimaj urbegoj, kiel Campinas kaj Santos. Aldonante aliajn gravajn kaj proksimajn municipojn (kiel Juiz de Fora, Ribeirão Preto, kaj la longan perlaron, kiu etendiĝas inter San-Paŭlo kaj Rio), oni povas aserti, ke 30% de la brazilanoj loĝas en SANRIO, kvankam tiu kuniĝanta municiparo okupas malpli ol 5% de la brazila teritorio. Kaj kiom da universitatoj, kiom da industrioj, kiom da kulturaj centroj estas tie? Vi mem serĉu, miru kaj admiru.

Alia maniero "statistikumi" estas nombri la esperantistojn en la troveblaj listoj. Ni uzu, ekzemple, la jarlibrojn de BEL kaj UEA. Kaj ĉi-foje sufiĉas konsideri tri ŝtatojn, anstataŭ kvar. Rapida foliumado de la delegitaro de UEA kaj de la membraro de BEL montras, ke 60% el ambaŭ totaloj loĝas en nur tri brazilaj ŝtatoj: San-Paŭlo, Rio kaj Minas. Kaj, malgraŭ la fakto, ke la du UEA-kongresoj en Brazilo okazis ekster tiu regiono, estis multe pli da partoprenantoj el tiuj tri ŝtatoj ol el la lokaj kaj najbaraj regionoj. Se la oficistoj de BEL konsultos siajn arkivojn, ili rimarkos, ke mi pravas.

## FORIRO DE BEL EL SANRIO

La nova ĉefurbo bezonis tujan transloĝiĝon de ŝtatoficistoj, ambasadoj kaj organizoj rekte dependaj de la registaro. Tial ĝi allogis volontulojn duobligante salajrojn kaj ofertante terenojn kaj loĝejojn malmultkoste. Foje eĉ donace. Similajn ofertojn ricevis eĉ organizaĵoj, kiuj ne estis devigataj transloĝiĝi. Kelkaj iris kaj kelkaj ne iris. Inter tiuj, kiuj ne iris estas Fondaĵo Getulio Vargas (kie mi laboris dum pli ol 40 jaroj). Ĝi restis en siaj sidejoj de Rio kaj San-Paŭlo. En Braziljo ĝi nur konstruis malgrandan librovendejon kaj grupon de lerno-ĉambroj, por instruado al ŝtatoficistoj (unu el ĝiaj specialaj taskoj). La ĉefsidejoj de FGV restis tie, kie ili estas plej necesaj - tie, kie estas abundo da teknikistoj, da instruistoj, da industrioj kaj da klientoj. Inter tiuj, kiuj iris estas BEL, kaj ĝia decido okazis en du ŝtupoj.




Unue, kelkaj esperantistoj, malkontentaj pri la du landaj Esperanto-organizaĵoj (BEL kaj KKE, amba ŭ en Rio), decidis krei trian - BRAZILA KONSILANTARO DE ESPERANTO (BKE). Ili havis apogon plurloke en la lando, sed ĝiaj motoroj estis en Braziljo kaj ŝtato San-Paŭlo. Mono estis kolektata plej multe en San-Paŭlo, kaj la nova organizaĵo akiris malgrandan propran sidejon en Braziljo. Kial en Braziljo, kaj ne en San-Paŭlo, kie estas pli da mono, pli da laborforto kaj pli da esperantigindaj homoj? Tion mi demandis al kelkaj personoj, sed rimarkis, ke ili agis pli emocie ol racie. La mapa centreco de Braziljo impresis ilin,. kaj ĉiuj preferis ignori demografion. Iom poste, la ĵusnaskita organizaĵo montris al la mondo sian viglecon, invitante UEA por mondkongreso en Braziljo. La tri landaj organizaĵoj laboris kune, sed la pezan lokan laboron bele plenumis la ĵusnaskito. La fakto, ke la plimulto el la brazilaj partoprenantoj estis el Sanrio ne kaŝas la meriton de la loka movado. Kaj mi ĝojis. La movado en Braziljo montriĝis pli forta ol mi supozis.

La sukceso de la 66-a UK en 1981 en Braziljo "neprigis" la transloĝiĝon de BEL. Kaj la dua ŝtupo venis rapide. Mian anstataŭanton en la prezidanteco de BEL anstataŭis siavice la tiama prezidanto de BKE, Nelson Pereira de Souza. Kiel prezidanto de ambaŭ organizaĵoj li facile okazigis ilian kunfandon. La kunfandita organizaĵo gardis la malnovan nomon BRAZILA ESPERANTO-LIGO, pakis ĝian grandegan bibliotekon kaj dokumentaron (kunigitajn kaj ordigitajn dum preskaŭ okdek jaroj) kaj sendis ilin al Braziljo. Kaj redonis al la Brazila Societo pri Geografio la malnovan sed grandegan sidejon ĝentile pruntedonitan al BEL dum dekoj da jaroj. En sia malgranda sidejo de Braziljo la oficistoj de BKE ricevis tiujn pakojn kaj komencis respondeci pri la nova organizaĵo.

Bedaŭrinde okazis tio, kion mi timis. La loka movado de Braziljo montriĝis malforta por la taskoj, kiujn ĝi sin proponis plenumi. Ĝia sidejo estis tro malgranda, kaj la biblioteko de BEL (post 80-jara senhalta uzado kaj plibonigado) restis en siaj skatoloj dum pli ol dek jaroj. Nur kiam iu bona feo (ankaŭ el Sanrio) donacis al BEL pli da mono ol ĝi ricevis dum sia tuta 80-jara vivado antaŭ la transloĝiĝo, BEL aĉetis pliajn ĉambrojn, reordigis la bibliotekon kaj metis ĝin sur bretojn. Per tiu sama mono BEL ankaŭ dungis helpantojn, sed finfine rimarkis, ke mono ne aĉetas ĉion. Kaj ĝiaj fortoj komencis elĉerpiĝi,

ĉar ĝiaj krioj NI LABORU KUNE perdiĝis en la distanco inter ĝia fora sidejo kaj la esperantistoj, kiuj volonte helpus ĝin se ĝi ne estus tiel malproksima.

REVENO AL SANRIO

Kaj okazis la neeviteblo. La malmultaj herooj, kiuj rezistis en Braziljo ĝisfine, petegis, ke iu reprenu la torĉon. Kaj du listaroj sin prezentis - ambaŭ el Sanrio, loko el kiu ĝi neniam devus esti forprenita. Gratulon al la venkinto, Pedro Cavalheiro! Kvankam via juneco kaj via nesufiĉa kono pri la 80-jara vivo de BEL en Rio donas al vi malklaran bildon pri la organizo, kiun vi nun estras, mi esperas, ke tiu manko estos baldaŭ riparita. Kaj mi ankaŭ esperas, ke la reveno de BEL al Sanrio estos malpli drasta kaj hasta ol ĝia foriro.

Evidente deko da ĉambroj en Braziljo ne respondas al la veraj bezonoj de estraro kaj volontuloj, kiuj multe pli laboros en Sanrio ol en nia bela ĉefurbo. Evidente bibliotekoj devas esti lokitaj tie, kie estas amaso da legantoj, kaj ne en skatoloj aŭ en elmontrejoj por iu hazarde vizitanta politikisto aŭ ambasadoro. Sed mia patrino ĉiam diris, ke hasto estas malamiko de perfekteco. Kaj mi deziras, ke la renoviĝanta BEL marŝu trankvile kaj firme antaŭen. Ke la bezonata reveno de BEL al Sanrio ne ĝenu la lokan movadon de Braziljo tiel multe kiel ĝia iro al nia centra senhomejo ĝenis la tutan brazilan movadon. Saĝon kaj sukceson, Petro!

---

## La Vivo Bona...

*Manoel Borges do Santos (Dokito)*
*Muritiba-Bahia (06/05/2005)*

Mi diris, iam, firme, senhezite,
Ke mia viv' en mondo, vere bonas...
Kaj ek de tiam mia voĉ' resonas,
Ĝi eĥe ripetadas, kvazaŭ rite.

Sed mia Amatino, birdimite,
Ekflugis al Ĉielo, nun fantomas...
Kaj la Destin' kruela min fordonas
Karceren de Doloro, koragite...

Sed ĉar mi faros same finvojĝon,
Mi volas fronti nokton kun kuraĝo,
Kaj mi revidos ŝin en mond'alia...

Samkiel ama paro da birdetoj,
Ni rekonstruos,certe,nian neston
En malavara sin' de Astro Dia!...

## Vida Boa...

*Manoel Borges dos Santos (Dokito)*
*Muritiba - Bahia*

Eu disse, um dia, com total firmeza,
Que "a vida, para mim, tem sido boa..."
Até então, a minha voz ecoa,
Não havendo motivos de tristeza...

Eis que num instante a minha Amada voa
Que o Destino cruel e, com dureza,
A ninguém poupa e deixa a alma presa,
No cárcere da Dor, gemendo à-toa.

Mas como irei, também, nessa viagem,
Quero enfrentar a noite com coragem,
E no Mundo Maior, quero revê-la!...

Como um casal de alegres passarinhos,
Construiremos, então, o nosso ninho,
No seio generoso de uma estrela!...

# 17-a ERUSP: *Dinamika Etoso*





*Rodrigo de Méo*
*Sekretario de ILEI-BR kaj Membro de EASP*

Vere entuziasmiga estis la pasinta Esperanto-Renkontiĝo de Urbo San Paŭlo, okazigita de Esperanto-Asocio de San Paŭlo (EASP), kun la organizapogo kaj kunsubteno de Brazila Sekcio de Esperantistaj Instruistoj (ILEI-BR), dimanĉon — 15-a de majo. Temis pri evento kiun ĉeestis pluraj dekoj da gesamideanoj — venintaj ne nur el la ĉefurbo, sed ankaŭ el aliaj urboj (kelkaj el ili eĉ malproksimaj) de la ŝtato.

La programo estis varia planita diverstipa, tiel ke la plejmulto de la gustoj estu kontentigata. Komenciĝis la tago per bongusta kaj ne malpli variebleca matenkafo, oportuneco ideala por interkonatiĝo kaj realproksmiĝo de antaŭaj konatoj kiun tuj post sekvis oficiala malfermo — kiam oni kantis E-himnon kaj alvokis la reprezentatojn de EASP kaj ILEI-BR por fari koncernajn salutojn.

Prof-ro Genildo Martins Coelho estis la unua paroli, prezentante resumigitan raporton pri sia gvidado ĉe nia ŝtata Esperanto-Asocio. Li do havis la ŝancon klarigi al la publiko pri la novaj laborplanoj adoptitaj de la estraro kaj ties rezultoj, proponi novajn iniciatojn kaj ankaŭ komentarii, kiel kutime, pri esperantistaro kaj movado, kaj pri tiurilataj temoj.

Poste, la prezentanto — nia kara Joel Afonso Francisco, respondeculo pri tiaj aranĝoj — vokis al la podio James Rezende Piton, kiu uzis video-aparataĵon (kun komputilo, enorma ekrano kaj informadika strukturo) por prelegi pri "Suda Stelaro". Lia prelego estis vere bunta je neordinaraj historibildoj kaj tial ĝi alvokis la atenton de la publiko ne nur pri la unua E-klubo de la lando sed ankaŭ pri mondevoluo de la verda agado mem, ekde la deknaŭa jarcento.

Alvenis la horo tagmanĝi — kaj tiam oni ŝerce pripensis: ĝenerale, el kie geesperantistoj sukcesas fosi tiom da apetito? Ĉar lunĉoj kaj kafoj estis jam disponeblaj dum la tuta mateno, sed ne pro tio la grupoj (egaj, etaj, urbaj, miksitaj...) fulme kaj avide kunvenis sur la "plej san-paŭlana el la avenuoj" (Paulista) por ĉasi restoraciojn, lunĉejojn, aĉetcentrojn... Duhora intervalo definiĝis kaj dum la organizoskipo de la evento restis surloke por repretigi la novaĵojn por la etapo venonta, niaj soif-satemaj gesamideanoj promenadis ĉirkaŭ la renkontiĝejo.

Stomakoplenaj kaj milde lacaj, la ĉeestantoj revenis al nia spaco eble sekrete sonĝante pri rapida — preskaŭ nerimarkebla — dormeto surseĝa, sed tiam ili vere surpriziĝis, ĉar nia juna samideanino Isis Piton vekis ĉies atentojn por paroli pri Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO) — kies nuntempa prezidanteco estas en ŝiaj manoj. Tamen, ne nur je instigaj kaj junfreŝaj vortoj konsistiĝis tiu renoviga programero, pro tio ke Sônia Sanchez — E-kantistino jam premiita de Belarta Konkurso de UEA kaj konata de granda parto de nia esperantistaro — kaptis la okazon por prezenti amuzan kaj kolektivan dinamikaĵon, uzante kiel laborinstrumentojn mezgrandan pilkon kaj – ĉefe – la kreivon de ĉiuj ĉeestantoj.

“La arto instrui Esperanton kun ĝojo kaj plezuro” estis la temo elektita de la de ILEI-BR, Prof-ro Zlóv, por fermi la prelego-tempon. Li proponis al la publiko modernajn kaj vere interesajn pedadagogi-solvojn por bedaŭrinde malnovaj problemoj de instruado de nia lingvo en la tuta mondo. La aŭdantaro estis invitata fari demandojn kaj kanti kune kun Sônia Sanchez — kiu denove aperis por gitare akompani la instrumuzikojn prezentatajn. Tiam, la renkontiĝejo jam enhavis pli ol sep dekoj da partoprenantoj kaj nek la varma suno de la aŭtuna vespero nek la aliaj eksteraj ĝueblecoj de la ripozotago montriĝis pli fortaj ol la entuziamo de tiuj, kiuj atendis — kun sama scivolemo — la artajn prezentojn.

Kaj jen... supreniris la podion la juna klavaristo Jorge Jr., kiu ekludis ĉarmajn kanzonojn, pruvante sian talenton ankaŭ kiel kantisto. La unua el la artaj prezentantoj alvokis la publikon por akompani lin ĉe la provludaĵoj de la koruso de Esperanto-Asocio de San Paŭlo — iniciato proponita kaj gvidata de li — kaj efektivigis la ideon, ke ĝenerale esperantistoj kaj arto estas fruktodona miksaĵo.

Fermín Ivorra, profesia aktoro, kiu jam rolis en diversaj teatraĵoj de nia urbo kaj ekestris kulturajn centrojn en Eŭropo, prezentis al la publiko la poezion “La Statutoj de la Homo”, originale verkita de la portugallingva aŭtoro Thiago de Mello kaj speciale tradukita por nia aranĝo. La enhavo de tiu artaĵo aparte kongruis al nia verda ideologio, ĉar temis pri sentema, esperplena omaĝo al la plej noblaj trajtoj de la homo.

Por fermi la tagon, la triopo Sônia Sanchez, Wilson Rocha kaj José Calixto prezentis al la publiko famajn kanzonojn de brazila kulturo kaj ankaŭ tradiciajn muzikojn de Esperantio. Ili opiniis la partoprenon de la ĉeestantaro tiel necesa, ke neniu homo silentis dum la artistoj restis starigitaj . Ili ankaŭ renovigis la ordinaran prezentomanieron, inkluzivante teatrajn elementojn al la muzikelmontro kaj hispanidajn muzikilojn.

Esperanto-Asocio de San Paŭlo kaj Brazila Sekcio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj elkore dankas la partoprenon de ĉiuj, kiuj ĉeestis la renkontiĝon kaj deziras al ili — kaj ankaŭ al tiuj, kiuj kredas je la seriozeco kaj laboremo de tiuj institucioj — sukceson konstantan ĉe Esperanto-iniciatoj.

## Amdeklaro

Neide Barros Rêgo
neidebarrosrego@terra.com.br

Ne estas mia patrio
la lando, kie mi naskiĝis
nek la lando, kie mi loĝas.

Mia patrio
estas la granda mondo
kreita de Dio.

Kaj ni estas gefratoj,
ĉar ni ĉiuj de Li estas filoj.

Dank’ al Zamenhof
ni havas komunan lingvon:
nian amatan Esperanton!...

Kaj ni ankaŭ havas
unusolan flagon:
la verdan standardon
kun la verda stelo de la espero.
Espero de amo, de frateco
kaj de paco!

# La Povo de Entuziasmo

*Tradukis kaj adaptis el prelego de José Marins*, por la ERUSP-2005:*
*Zlóv Zlotovich*
*São Paulo - SP*

La vorto ENTUZIASMO devenas el la greka (helena) lingvo kaj signifas havi Dion interne (el la vorto THEOS = Dio). La antikvaj grekoj estis politeistoj, tio estas, ili kredis je pluraj dioj. Do, la entuziasmulo estas tiu, kiu, enhavanta unu el tiuj dioj, povintus ŝanĝi la naturon kaj kapablus realigi la aferojn. Tiel, se vi estus entuziasmigita de Demeter, la diino de la agrokulturo, vi estus kapabla okazigi la plej bonan rikolton, kaj tiel plu. Laŭ la helenoj, nur entuziasmuloj estis kapablaj venki la ĉiutagajn defiojn. Estis bezonata, pro tio, entuziasmiĝi.

Notu bone, ke entuziasmo estas alia afero ol optimismo. Laŭ la nova P.I.V., entuziasmo estas emocia fervoro kaj arda amo al io. Optimismo signifas, ke mi kredas, ke io estos sukcesa. Optimismo signifas eĉ veti je la bona rezulto aŭ sukceso de iu afero. Multaj homoj kredas, ke optimismo kaj entuziasmo estas ekvivalentoj.

Entuziasmulo estas tiu, kiu kredas kaj fidas je sia propra kapablo ŝanĝi la aferojn kaj sukcesigi la laborojn. Entuziasmulo estas tiu, kiu kredas je si mem. Kaj kredas je la aliaj. Kredas je la forto, kiun la homoj havas por ŝanĝi la mondon kaj la cirkonstancojn

Kaj estas nur unu maniero esti entuziasmulo. Estas AGADI entuziasme!

Se ni atendadus havi la idealajn kondiĉojn por sekve esti entuziasmuloj, neniam ni estuziasmiĝus pri io ajn, ĉar ni ĉiam estus pravaj por ne entuziasmiĝi. Ne estas la sukceso, kio entuziasmigas; ESTAS LA ENTUZIASMO, KIO ALPORTAS LA SUKCESON.

Estas homoj, kiuj restas atendantaj la pliboniĝon de la kondiĉoj, la pliboniĝon de la vivo, por, poste, entuziasmiĝi. La vero estas, ke ili neniam entuziasmiĝos pri io ajn. Estas la entuziasmo, kiu alportas al ni novan horizonton kaj opinion pri la vivo.

Kiel fartas via entuziasmo pri Brazilo, pri via entrepreno, pri via laboro, pri via familio, pri viaj filoj, pri viaj idealoj, pri Esperanto, pri nia movado? Se vi estas el tiuj, kiuj opinias, ke ne eblas entuziasmiĝi pro la nunaj situacioj, kredu: neniam vi eliros el la nunaj kondiĉoj. Vi necesas al vi kredi je vi mem: kredi je la kapablo venki, kunkonstrui la sukceson, ŝanĝi la realon. Lasu ĉian negativismon, ĉian defetismon! Forlasu vian nekredemon kaj estu entuziasmulo pri via vivo kaj precipe pri VI. Vi vidos la ŝanĝon!

Sukceson!!

** José Marins estas antropologo kaj eksuniversitata profesoro.*

---

## Bulgara pikmokaĵo

*Diskreta*

— Ĉu vi povos konservi sekreton?
— Kompreneble.
— Tiam mi konfidas al vi, ke mi ege bezonas ricevi prunte monon...
— Estu trankvila, mi nenion aŭdis — diris la gabrovano.

# Esperanto-Novaĵoj

***Esperanto - ponto inter foraj kulturoj***

La traduko de "Nemeza" ne estas la unua fojo, kiam Esperanto peras inter foraj kulturoj. Jam en la dudekaj kaj tridekaj jaroj multaj eŭropaj kulturaĵoj estis tradukitaj interalie al la japana lingvo pere de Esperantolingvaj antologioj.

***La unua Esperanto-libro reeldonata***

La rusa eldonejo "Impeto" reaperigis la unuan libron de Esperanto, kiu origine eldoniĝis en 1887. Per tiu unua libro "D-ro Esperanto. Internacia lingvo" enmondiĝis la lingvo, kiu poste ricevis la pseŭdonimon "Esperanto" de la aŭtoro (Ludoviko Zamenhof). La daton de la cenzura permeso disvastigi la presitajn ekzemplerojn, la 26an de julio 1887, oni konsideras kiel naskiĝdaton de Esperanto.

***La apologio de Sokrato, Kritono, Fedono***

Aperis libro en Grekio, kiu enhavas Esperanto-tradukon de antikvaj verkoj de Platono. En la libro troviĝas tri dialogoj, "La apologio de Sokrato", "Kritono" kaj "Fedono", pri lastaj tagoj de Sokrato.

***UK 2006***

La fama kaj historia urbo Florenco atendas Esperanto-parolantojn el la tuta mondo por partopreni la Universalan Kongreson en 2006. La preparoj jam komenciĝis. Italaj esperantistoj jam ekprepariĝas por la kongreso, kiu okazos en 2006. La evento certe bonvenigos plurmilojn da Esperanto-parolantoj el (preskaŭ) la tuta mondo.

***Ĉinio***

Ĉinio invitas al malkovro per Esperanto jam de 35 jaroj: Ĉina Radio Internacia dissendas informojn pri Ĉinio kaj pri la mondo per la okuloj de Ĉinio ankaŭ en Esperanto jam de pli ol tri jardekoj.

Ĉina Radio Internacia elsendas sian programon en 43 lingvoj kaj dialektoj de la ĉina. Inter la elsendoj ankaŭ la Esperanto-programo ricevas unu horon ĉiutage.

***Hungario***

La hungara Perfektiga Centro Fremdlingva (ITK) okazigis en la jaro 2002 sume 7885 lingvo-ekzamenojn pri Esperanto - tio signifas ĉirkaŭ 4,6 procentojn de la hungaraj ŝtataj fremdlingvaj ekzamenoj por dudek diversaj lingvoj. Oni kalkulas la skriban kaj buŝan partojn aparte; ambaŭ partoj havis po proksimume 4000 partoprenantojn, entute estis 6861 personoj.
Dekobliĝo ekde 1998: La procentaĵo de la ekzamenoj pri Esperanto dum la lastaj kvin jaroj preskaŭ duobliĝis ĉiujare - en 1998 nur 0,4 procentoj de la kandidatoj ekzameniĝis pri Esperanto.

***Tria loko por Esperanto***

Esperanto nun atingis inter la dudek ekzamenlingvoj la trian rangon post la angla (53,1 %) kaj la germana (33,8 %) kaj antaŭ la franca. Esperanto kiel oficiala lingvo por studentoj La altiĝo de la partopren-nombroj havas sian kaŭzon ĉefe en tio, ke hungaraj studentoj devas pruvi siajn konojn pri fremdaj lingvoj - tiucele uzeblas ankaŭ konoj pri Esperanto. Hungario per tio daŭrigas sian subtenadon de Esperanto; jam de pluraj jardekoj la universitato de Budapeŝto edukas Esperanto-instruistojn kaj tiu internacia lingvo estas elektebla fako en multaj hungaraj lernejoj.

La dramo "Nemeza" de Alfred Nobel aperis la unuan fojon en la slovena lingvo. La verkon tradukis Vinko O]lak, kiu, por sia laboro, uzis la Esperanto-version aperintan en 2003.

# La Statuto de la Homo (Thiago de Mello, 1926)

*Traduko: Rodrigo de Méo*
*Deklamado: Fermín Ivorra (Instruisto de Sociedade Cultural da Língua Universal)*

• Unua Paragrafo
Estu dekretite , ke nun validas la vero. Nun validas la vivo, ni ĉiuj laboru favore al la vera vivo.

• Dua Paragrafo
Estu dekretite ke ĉiuj tagoj de la semajno, inkluzivante plej grizajn Mardojn, havas la rajton transformiĝi en Dimanĉajn matenojn.
• Tria Paragrafo
Estu dekretite, ke ekde tiu ĉi momento, estos sunfloroj sur ĉiuj fenestroj, ke la sunfloroj havos la rajton malfermiĝi ene de la ombro. Kaj ke la fenestroj devas resti, dum la tuta tago, malfermataj por la verdeco, kie kreskas la espero.

• Kvara Paragrafo
Estu dekretite, ke la homo neniam plu bezonos dubi pri la homo. Ke la homo konfidos je la homo, kiel la palmarbo konfidas je la vento, kiel la vento konfidas je la aero, kiel la aero konfidas je la kampo blua de la ĉielo. "La homo konfidos je la homo kiel knabo konfidas je alia knabo"

• Kvina Paragrafo
Estu dekretite, ke la homoj estos liberaj de la mensogojugo. Neniam plu estos necese uzi la silentokirason nek la vortoarmaĵon. La homo ĉetabliĝos tenante pura sian rigardon, ĉar la vero ekestos sendata antaŭ la deserto.

• Sesa Paragrafo
Estu dekretita, dum ĉiuj jarcentoj, la praktiko revita de la profeto Isaias, kaj la vulpo kaj la ŝafo paŝtos kune; la manĝaĵo de ambaŭ havos la saman saporon de la auxroro.

• Sepa Paragrafo
Pro nemalvaldigebla dekreto estu dekretita la daŭra regado de la justeco kaj de la heleco, kaj la ĝojo estos ĉiam grandanima flago poreterne etendata en la animo de la popolo.

• Oka Paragrafo
Estu dekretite, ke la plej granda doloro estis kaj ĉiam estos ne povi doni amon al tiu, kiun ni amas kaj scii, ke estas la akvo tiu, kiu donas al la planto la miraklon de la floro.

• Naŭa Paragrafo
Estu permesate , ke la ĉiutaga pano havu en la homo la signon de lia ŝvito. Tamen, ke super ĉio, ĉiam havu ĝi la varman saporon de la tenereco.

• Deka Paragrafo
Estu permesata al ĉiu ajn homo, je kioma ajn horo, la uzo de blanka vestaro.

• Dek-Unua Paragrafo
Estu dekretite, laŭ difino, ke la homo estas besto, kiu amas, kaj tial ĝi estas bela, multe pli bela ol la matena stelo.

• Dek-Dua Paragrafo
Oni dekretu, ke nenio estos devigata nek malpermesata, inkluzivante ludi kun rinoceroj kaj paŝi antaŭvespere portante enorman begonion sur la vestkolumo. "Nur unu afero estu malpermesata: Ami sen esti amata".

• Dek-Tria Paragrafo
Estu dekretite, ke la mono neniam plu povos aĉeti la sunon de la venontaj matenoj.
Forpelita el la granda timkesto, la mono fariĝos frata glavo por defendi la rajton kanti la feston de la tago kiu jam alvenis.

• Fina Paragrafo
Estu malpermesata la uzado de la vorto libereco, kiu estos ekstermita el la vortaroj kaj el la trompa marĉo de la buŝoj. Ekde tiu momento, ĝi estos aĵo viva kaj travidebla kvazaŭ fajro aŭ rivero, aŭ kvazaŭ la tritika semo kaj loĝejo tiesa ĉiam estos la koro de la homo.

# Kanzono de Ameriko

*Kanzono de Milton Nascimento kaj F. Brant*
*Esperantigis: Marcos Zlóv Zlotovich*

Amiko estas io
por ke ni gardu
per pli ol sep ŝlosiloj
interne de la kor'.

Tiel rakontis kanzon'
de mi aŭdita en Amerik'.

Sed kiu kantadis ploris
vidante amikon foriri.

Sed kiu restis,
en la penso flugadis
kun sia kanto kiu la alian
memoris.

Kaj kiu flugis en la memor'
restadis
kun la inspiro kiun alia
kantadis.

Amiko estas por ke
ni gardu
en maldekstra flanko
de l' brusto,
malgraŭ la tempo
kaj distanco diru ne
malgraŭ forgesante
kanzonon.

Ĉar plej grave
estas aŭskulti
la voĉon venintan
el la kor'.

Ĉar estu, kio estos,
venu, kio venos
iun tagon, amiko,
mi vin renkontos
iun tagon, amiko,
ni nin renkontos

*Daŭrigo de la paĝo 7.*

direktoro, ankaŭ sendis, per elektronika poŝto, salutmesaĝon, dezirante unuamomente, bonan baloteventon kaj plenan sukceson al la elektota sekciestro.

Poste, ni ĉiuj tostis per ĉampano omaĝe al lia sukceso. La ĉeestantoj do estis invitataj doni prestiĝon al agrabla manĝo-rendevueto ankaŭ oferata omaĝe al la venkinto.

Profesorino Elvira Fontes, antaŭa sekciestrino dum multaj jaroj, post la konkludo de la laboroj ĉe Esperanta Klubo Zamenhof, surbendigis la jenan apogo-mesaĝon al Profesoro Antônio Félix da Silva:

"Gratulon! Mi fakte vin gratulas, Antônio Félix. ILEI-BR daŭre restas ĉe bonaj manoj. Bonegaj manoj. Mi scias, ke ILEI-BR kreskos ĉiam pli kaj pli. Plenkaresan brakumon de Elvira"

La laborenkonduko okazis plej enorde kaj demokratiece kaj la ĉeestantoj povis ĝui momentojn vere edifajn dum tiu aranĝo, kiu, dum multe da tempo, firme daŭros ĉe la memoro kiel la dato de la elekto de la nova sekciestro de Brazila Sekcio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.

Gratulojn kaj bonvenon, Profesoro Antonio Felix! *[Fotaron pri la elekto estas en la retejo de ILEI-BR: www.ileibr.kit.net]*

# Novaĵoj en la Libro-servo de EASP




Kolekto da rakontoj verkitaj de unu el la plej elstaraj brazilaj verkistoj, Machado de Assis, kaj modele tradukitaj de Paulo Sergio Viana.

La Divenisto kaj Aliaj Rakontoj
Machado de Assis. El la portugala tradukis Paulo Sergio Viana. São Paulo: Eldonejo Oportuno, 2005. 88p. 10x20cm. Krude Broŝurita. R$ 5,00




Per ĉi tiu verko la aŭtorino teksas historian kaj socian esploron pri la ekzisto kaj rolo de kromamantoj, seksidenteco kaj infanedukado, inter aliaj ĉiamaj aktualaj temoj nemalhaveblaj por tiuj kiuj volas iom senvualigi la miton de la triangula ekzistosenco.

Socia Rolo de kromamantoj en Konservado de Monogamia Geedzeco. Agenita Ameno. El la portugala tradukis Paulo Sergio Viana. Eldonis Gilberto R. Ledon: São Paulo, 2001. 84p. 15x22cm kudre broŝurita. R$ 10,00

*Facile akireblaj!*

Poŝte:
Rua Faustolo, 128 - Lapa
05041-000 São Paulo, SP
Telefone:
(11) 3862-1183
Rete:
easp2004@yahoo.com.br

Dulingva kolekto da hajkoj kun 80 japandevenaj poemetoj: simplaj, koncizaj, elvokivaj kaj legindaj kiel Esperanto mem.

Sezonvojoj: Caminhos das Estações
Diversaj aŭtoroj. São Paulo: Eldonejo Oportuno, 2005. 140p.
9x13cm. Kudre broŝurita kun fleksebla kovrilo. R$ 6,00.










Rakonteto abunde ilustrita pri kampara familio neniam vidinta spegulon. Tre alloga libro, precipe por komencantaj uzantoj de la lingvo.

La Spegulo. Joseo Tenorjo. São Paulo: Eldonejo Oportuno, 2005. 32p. 14x20cm. Vinkte broŝurita. R$ 4,00

Lerno-libro abunde ilustrita por ekzerciĝo pri uzado de prepozicioj pere de proverboj. En la fino de la libro troviĝas kromekzercaro por bone fiksi la novajn vortojn kaj ideojn. Tre amuza kaj pripensinda legomaterialo kaj por komencantoj kaj por veteranoj.

Ekzerciĝu Proverbare (kajeroj 1 kaj 2)
Joseo Tenorjo: Eldonejo Oportuno, 2005. 32p. 14x20cm. Vinkte broŝurita. Unuopa ekzemplero: R$ 4,00.